# THE BRITISH ESPERANTIST

*with which is incorporated*

**INTERNATIONAL LANGUAGE**

Vol. XXXII, No. 417 — JANUARY, 1940

# LA FEDERA IDEO

E. D. DURRANT

*"The greatest disappointment from which mankind has suffered since the Great War has been the failure of the League of Nations."*—LORD LOTHIAN.

LA supredirita diro de Lord Lothian trovos eĥon en milionoj da koroj. Ĝi ne estis farita kun celo kritikaĉa, sed troviĝas en libreto *The Ending of Armageddon* (1), kiu subtenas la ideon pri federa unuiĝo. Tiu ideo estas klare priskribita kaj disvolvita en la libro *Union Now* (2), de Clarence L. Streit, Usona ĵurnalisto kun vasta sperto pri la aferoj de la Ligo de Nacioj. Lia libro altiras tiel grandan atenton, ke verŝajne la historio aljuĝos al ĝi grandan influon sur la sorton de la homaro.

Por ni Esperantistoj ĝi havas apartan intereson, ĉar la realigo de ĝiaj ideoj kreus sociajn kondiĉojn, en kiuj nia movado povus disflori kontentige. Koncize, la propono estas, ke la demokrataj landoj unuiĝu en Federacion, kies konstitucio permesus la aliĝon de aliaj ŝtatoj, kun la jenaj fundamentaj postuloj :

- federa civitaneco,
- federa armeo,
- federa ekonomia sistemo sendogana,
- federa mono,
- federa sistemo poŝta kaj trafika.

La ideo povas ŝajni utopia ; tamen ĝi entenas la bazajn principojn, kiujn multaj esperis vidi evolui el la Liga sistemo.

La verko de S-ro Streit meritas nian zorgan atenton. Notinde estas, ke Usono trairis la saman sperton, kiu disvolviĝas nun ĉe ni. Tie komence estis Ligo de Amikeco, kiu malsukcesis ; sed fine la principo de federiĝo akceptiĝis kun sukceso elstara. Interese estas konstati ankaŭ, ke ĉiam ligoj malsukcesis, sed sukcesis federaĵoj.

La federa ideo ne estas revo senapoga ; jam nun ĝi trovas partianojn en ĉiu politika partio. Ĝi ne konkurencas la Ligon de Nacioj, sed evoluas el ĝiaj spertoj.

Alia libro pri la sama temo estas *The Case for Federal Union*, verkita de W. S. Curry (*Penguin Special*, 6p.), kiu tre klare pritraktas la saman temon.

S-ro Streit aludas al la lingva demando, sed sen konstrua komento. Ekzemple :

> *"The value of a common language for the purpose of organizing interstate government has been overrated, I think ; and the value of common political principle underrated. I attach much more importance to the latter, particularly at the start"* (*p.* 149).

S-ro Curry parolas pli klare pri la temo :

> *"All that need be said on this subject is that the obstacles (language differences) can be overcome if we have the will to overcome them ; and furthermore, that the creation of Federal Union, and the release of travel and communication that it would bring about, would do more than any other single agency to promote the development of a universal tongue. Whether that should be a new language, like Esperanto, or a modification of an existing language, like Basic English, is not germane to our immediate discussion"* (*p.* 187).

Neniu Esperantisto povus dubi pri la unua parto de la supra eltiraĵo. Firme kredante, ke la ĝusta solvo de la lingva problemo estas la uzo de Esperanto, ni klopodadu, ke Esperanto trovu lokon en ĉiu diskutado pri Federa Unuiĝo ; ĉu private, aŭ en publika kunveno, aŭ en la kolumnoj de la gazetaro.

---

(1) Eldonis Federal Union, 44 Gordon Square, W.C.1.
(2) Eldonis Jonathan Cape. 10/6.

# PRI LEGADO DE ESPERANTA LITERATURO

Preskaŭ ĉiam, kiam mi demandas "Ĉu vi legis multe da Esperantaj libroj?", oni respondas "Ne, mi ne multe legas: mi nur parolas iomete, kaj okaze skribas Esperante al amikoj".

Nu, laŭ mia opinio, tio estas bedaŭrinda, ĉar la sentenco "Legante, oni lernas" estas aparte vera pri nia lingvo. Sendube estas bone paroli kaj skribi Esperanton; sed se oni ankaŭ multe legas, tio tre grandigas la povon sin esprimi kaj skribe kaj parole.

Per legado oni (*a*) riĉigas la vortprovizon; (*b*) lernas gramatikajn formojn preskaŭ senkonscie; (*c*) akiras bonan stilon; (*d*) iĝas observema, kaj trovas, legante, ke eraroj kvazaŭ saltas al la okuloj; (*e*) gajnas kapablon taksi la valoron de la teksto; (*f*) stimuliĝas verki originale; kaj (*g*) larĝigas la spiriton. Ni pripensu tiujn punktojn.

Per legado oni riĉigas la vortprovizon. Tio estas bonega akiro, ĉar estas multe pli facile verki, sciante tri mil vortojn, ol sciante nur tricenton. Kun vortprovizo limigita oni devas lukti, por esprimi la ideojn; sed kiam oni posedas riĉan provizon da vortoj, la frazoj povas flui senĝene, klare, kaj bele. Estas vera ĝojo senti sin kapabla uzi Esperanton tiel facile, kiel la gepatran lingvon. Tion oni ne akiros sen multe da legado. Legante, oni tute forgesas pri gramatikaj terminoj kaj reguloj; tamen la cerbo ensorbas la spiriton de la lingvo, kaj tio helpas, ke la penso esprimiĝu bonstile.

Ofte oni demandas "Kio do estas bona stilo"? Nu, kiam mi komencis lerni, la instruisto diris al mi "Via stilo estas iom peza: vi devas akiri bonan stilon". Mi ja deziris tion fari; tamen mi ne sciis, el kio konsistas "bona stilo" Esperanta. Kompreneble, esprimo ĝusta en la lingvo Angla ofte sonas tute alie en Esperanto. Ekzemple, oni povas bone diri *Pray allow me to assist you*, sed ne traduki laŭvorte *Preĝu lasu min helpi vin*. Pli ĝuste oni dirus *Permesu*, ke *mi vin helpu*. Oni devas do traduki ne vortojn, sed ideojn.

Plejparte mi komprenis la esencon de bona stilo per la legado de Esperantaj libroj verkitaj aŭ tradukitaj de bonaj aŭtoroj: precipe Zamenhof, Lydia Zamenhof, Baghy, kaj Bulhuis. Iom post iom mi ensorbis la karakterizaĵojn de Esperanto, kaj eksentis, ke la lingvo komencas vivi kaj nature flui.

Estas bone povi taksi la valoron de verko. Tiu povo kreskas el multa legado. Legi romanojn kaj gazetojn estas interese, sed ankoraŭ pli grave estas legi la historion de nia movado, kaj verkojn seriozajn kaj unuarangajn. Ne ĉiu presitaĵo estas verko modela aŭ eĉ bonstila.

Por esti fidelaj disĉiploj de nia majstro, ni devas disvastigi Esperanton kaj ĝian belan idealon tra la tuta mondo. Celante tion, ni strebu al sperteco ĉiuflanka, kaj al tio nenio pli helpas, ol konstanta legado.

Por la vivo kaj kresko de nia lingvo ni bezonas pli da verkistoj kaj tradukistoj vere bonaj. Ni do legu diligente; memorante, ke atenta studado de fidindaj modeloj estas unu ĉefa rimedo ellerni la lingvon.

HYLDA MAYNE, D.B.E.A.

# OUR PRESENT DUTY

*From a Presidential address to the Scottish Esperanto Federation on 14th October (greatly abridged).*

It is my considered opinion that never before was there so much need for international understanding, and that more than ever, in this time of war, we should work for Esperanto. Few would deny that the present war might not have taken place, had the German people been allowed to communicate freely with the peoples outside their frontier, and known their real views and aims. That is what led our Government to drop not bombs, but leaflets, on German cities. Far more talk is heard today of the cause of the present war, and the prevention of future wars, than was heard in the early months of the last conflict. This state of the public mind is a most suitable ground for spreading our ideal. Faithful sowing now may bring a harvest unobtainable from an equal effort in time of peace.

Let us then pledge renewed allegiance to the great cause of Esperanto, and let us start by devotion to our own Society. A Society can no more be run by president and council alone, than can a ship cross the sea manned only by captain and officers. The members are to the society as the crew is to the ship: they must not regard themselves as passengers. We must be loyal now, more than ever before; and there must be no deserters. Rather let us bring

back old members, who still have the ideal of Esperanto at heart ; and let us go all out to bring in new ones.

In the post-war civilization Esperanto will play an important part. Let us see to it that peace, when it comes, shall find us ready.

I finish with a quotation that should be familiar to you all. I wish I could read it with the fire that animated Zamenhof when he penned the words. First he describes our present situation :—

Homaron vi kreis perfekte kaj bele,
Sed ĝi sin dividis batale ;
Popolo popolon atakas kruele,
Frat' fraton atakas ŝakale.

Then a pledge and a prayer :—

Ni ĵuris labori, ni ĵuris batali,
Por reunuigi l'homaron.
Subtenu nin, Forto, ne lasu nin fali,
Sed lasu nin venki la baron.

Finally he expresses the Esperanto ideal, in words of red-hot intensity, that should be our constant inspiration :—

Ni inter popoloj la murojn detruos,
Kaj ili ekkrakos kaj ili ekbruos,
Kaj falos por ĉiam ; kaj amo kaj vero
Ekregos sur tero.

ROBERT MACKAY

# EL LA OFICEJO

**La Zamenhofoj.**—Kun ĉagrena bedaŭro ni aŭdis el du fontoj, ke Fraŭlino Lidja Zamenhof kaj Doktorino Sofia Zamenhof estis arestitaj de la terura Gestapo. Iliaj "krimoj" — oni diras — estas "internacia agado en Esperanto" kaj (supozeble rilate nur al Fraŭlino Lidja) faro de "kontraŭ-Hitlera propagando en Usono" (nia Usona korespondanto asertas, ke Fraŭlino Lidja tute ne intermiksis sin en politikaj aferoj dum sia restado en Usono).

Aŭdinte aŭtentajn raportojn pri la fitrakt-ado de personoj enkarcerigitaj de tiu nigra instanco, niaj koroj batas por ili. Ni povas nur teni la esperon, ke niaj malfeliĉaj samideaninoj eltenos, kaj kiel eble plej baldaŭ regajnos liberecon—eĉ limigitan.

**Al Dumvivaj Membroj de B.E.A.**—Se vi deziras kotizi al la Internacia Esperanto-Ligo, elektu kategorion el tiuj klarigitaj sur la dua paĝo de la kovrilo, kaj bonvolu sendi al ni la indikitan sumon minus 5ŝ. Ni esperas, ke kiel eble plej multe da dumvivaj (kaj ordinaraj) membroj subtenos la internacian organizaĵon.

**English Books.**—We would like to remind our readers that we can supply *English Books* as well as those in Esperanto. You will be helping the Association if you order through us. Postage should be added. Send your *Book Tokens* to us.

**Travel Book Club.**—In drawing readers' attention to the prospectus enclosed, we would mention that one of the appreciations cited is from a stalwart member of B.E.A. We feel sure that this Book Club will appeal to many other Esperantists, and hope that they will join by sending the completed form to us.

**Two moves—and after !** On going through our stock we found a number of books with covers shop-soiled or damaged, and we are offering these at greatly reduced prices. See the following list. The prices shown are at least 25% below Book List prices (in some cases much more). Add 10% to cover postage :—*Amo estas pli forta ol Morto* (1/–) ; *Arĝenta Duopo*, Vol. I. (paper 3/–) ; *Ĉu ĝi estas nur fabelo ?* (2/–) ; *El la Verda Biblio* (paper 1/–) ; *Fanny* (2/3) ; *Hindo rigardas Svedlandon* (paper 2/9) ; *Horizontoj* (6d.) ; *Infero* (paper 5/6) ; *Jane Eyre* (paper 3/3) ; *Leono de Flandrujo* (paper 3/–) ; *Marteno Drake* (2/3) ; *Nekonata Konato* (cloth 3/4) ; *Ora Ŝtuparo* (2/3) ; *Pilgrimo* (1/–) ; *Petrolo I and II* (each 2/3) ; *Pinokjo* (paper 1/8) ; *Pri la Moderna Arto* (3/6) ; *Princo Vanc'* (6d.) ; *Quo Vadis ? I and II* (each 2/3) ; *Riĉa kaj Sen Mono* (2/3) ; *Skanderbeg, Heroo de Albanujo* (1/6) ; *Stranga Heredaĵo* (paper 2/–) ; *Trapafita Dekreto* (6d.) ; *Tridek Jarojn en la Ora Nordo* (paper 2/6) ; *Zamenhofa Legolibro* (9d.).

Seize this opportunity of acquiring good reading at bargain prices. First come, first served !

**Servokuponaroj 1940.**—Ĉiu membro, kiu pagis sian kotizon por 1940 antaŭ Kristnasko, devus ricevi sian servokuponaron por 1940 en ĉi tiu numero de la B.E. Aliaj membroj ricevos la kuponarojn kun la kotizkvitancoj.

**1940.**—La sekretarioj kaj oficistoj sendas salutojn al ĉiu membro kaj ĉiu alia leganto ; kaj esprimas la deziron, ke la nova jaro alportu la efektiviĝon de ĉies deziroj, kaj ke la milita inkubo cedos al paco. Dume ni pretiĝu por la rekonstruo de la mondo.

R. B. W.

# The Esperanto Student

## PECO POR ĈIU

Here is a piece that can serve as an exercise both for the beginner of a few months' experience, and also for the *spertulo*. It is a short passage, in which I have deliberately made a large number of errors, giving special place to those most often met. How many of these errors can you spot? How many of them can you put right?

This is the "Peco por Progresintoj" for this month. If you can find at least 25 errors in the paragraph you may send it to me, corrected. In any case, I shall print a correct version next month, so look after your attempt until you can compare it with this.

La du alta viroj eliris el la domo en la ĝardeno, kaj tie komenciĝis paroladi. Unu de ili diris al alia, "Mi intencos visiti miaj gepatrojn morgaŭ vesperon. Ĉu vi deziras venos kun mi? Mi visitos ĉe ilin je la okan horon, poste mi iros al la Esperanto kunvenejo. Tio kunveno komencas iom poste la naŭan horo, kaj devus fini antaŭ la dek kaj tri dek. La lasta semajno s-ro Ekkri donis lekcion. La lekcion daŭriĝis pli ol horo, kaj li konkludis lian paroladon tre malfrua. Ĉu vi ŝatus veni kun mi?" La kunulo respondis, ke sia fianĉino estis ankoraŭ malsana, kaj ke li volis ŝin viziti antaŭ li iris al la Esperanto kuniĝo. "Tamen, mi esperas ke via gepatrinoj staras bone", li diris, kaj lasis ilin saluti. Dum unu viro formarŝis tra la stratojn la alia reiris en la domo.

Neniam mi ricevis tiom da diversaj kaj strangaj tradukoj, kiom mi ricevis por la pasinta monato! Nur tri estis vere konsiderindaj. Pastro D. W. Robson sendis la plej bonan:

*Se nutras amon la Muzik', ludadu.*

P. E. DA GOGO

## PRI POEMOJ ESPERANTAJ

Malgraŭ la ekzisto de Esperantaj versaĵoj sendube senvaloraj, kaj la fakto, ke tro ofte homoj nekapablaj provas verki poemojn, nia lingvo ja havas amason da belaj verkoj poeziaj. En la B.E.A. Biblioteko, ekzemple, troviĝas proksimume 80 volumoj de originalaj poemoj en Esperanto.

Kiam oni diras, ke Esperanto ne povas havi poezion, mi tre deziras, ke la parolanto povu legi kelkajn verkojn en mia posedo. Zamenhof mem estis la unua Esperanta poeto, kaj liaj poemoj estas perfektaj laŭ stilo kaj enhavo. En la fruaj tagoj niaj poetoj estis plejparte Poloj aŭ Rusoj: L. Belmont, kaj V. Devjatnin estas ekzemploj. Poste nia Svisa pioniro, D-ro Privat, verkis belajn poemojn; el kiuj kelkaj troviĝas en lia *Tra l' Silento*.

En la nuna tempo vivas en Hungarujo du famaj Esperantaj poetoj, Julio Baghy kaj Kalomano Kalocsay. La unua restis dum la lasta milito en milita malliberejo Siberia, kaj tie multe suferis. Ofte liaj poemoj estas doloroplenaj, kaj parolas pri sufero kaj pri la malbonoj de milito; tamen aliaj estas gajaj kaj delikataj. Pri li oni diras, ke li "ridas tra larmoj". Kalocsay, lerta vortfaristo, prezentas al ni majstrajn tradukojn el multaj lingvoj.

Vi trovos multe da ĝojo, se vi legos ankaŭ la poemojn de Hohlov, Kurzens, Newell, Heywood, k.m.a.

## ATENTU JUNULOJ!

### SENPAGA ALIĜO AL B.E.A.!

Dank' al la bonkoreco de mezlanda samideano, ĝis 40 gejunuloj havantaj ne pli ol 17 jarojn povas ricevi senpagan membrecon de nia Asocio dum 1940.

### KION FARI, POR GAJNI ĈI TIUN DONACON?

Nur skribu simplan leteron en Esperanto. Menciu en ĝi vian naskiĝdaton; petu, ke oni enskribu vin kiel membron de B.E.A. por la jaro 1940, kaj kunsendu poŝtmarkon por 1½p. Se via letero troviĝos inter la unuaj kvardek leteroj ricevitaj, vi tuj iĝos Juna Membro de la B.E.A.

**GEKNABOJ! GEJUNULOJ!! AGU TUJ!!!**

**Plenaguloj! Disvastigu ĉi tiun novaĵon inter viaj junaj geamikoj Esperantistaj!**

---

### DISERVO ESPERANTA

We announced in October that, owing to the war, the London monthly Services in Esperanto would be discontinued *pro tem.* Happily it is now found possible to hold them again. The next service will be held on Sunday, January 14th, at 3.0, in St. Ethelburga's Church, 72 Bishopsgate, E.C.2. It is hoped to have a meeting of the Duadimanĉa Rondo immediately after the service.

# R.S.A. EXAMINATIONS 1940

The Esperanto Examinations of the Royal Society of Arts will take place this year on Friday, May 3rd (Elementary Stage), 7–9 p.m., and Monday, May 6th (Intermediate Stage), 7–10 p.m. **It is of great importance to secure a good entry.**

*Entries* must be sent in through a recognized Local Centre.

*Fees :* Stage II (Intermediate), 4/– ; Stage I (Elementary), 2/6. A local fee (usually 1/–) may be charged in addition. For London candidates the total fees are : Intermediate, 5/6 ; Elementary, 3/6. It is not necessary to pass Stage I before entering for Stage II. A candidate may enter for both stages.

*Outside London.*—Entries must reach Local Secretaries not later than Wednesday, March 13th. Late entries, with an additional fee of 1/– per late entry, will be accepted up to March 28th.

*London.*—London examinations are controlled by the Education Committee of the L.C.C. Entry forms may be obtained from the Education Officer (G.P.1), County Hall, S.E.1, and must be returned to him by March 13th. Late entries will be accepted up to April 3rd, subject to an additional fee of 2/–. An effort will be made for candidates to sit at their own centres.

A syllabus, giving full details of Local Centres, may be obtained for 4½d. post free. A copy of the papers set in 1939, with the examiner's reports, and the requirements for 1940, may be obtained for 4½d. post free (ask for Examination pamphlet No. VI).

**Do not address correspondence on these examinations to the B.E.A.** For syllabuses and further information write to The Examinations Officer, R.S.A., c/o Basil Ionides Esq., Buxted Park, Uckfield, Sussex.

### R.S.A. EXAMINATION RESULTS, 1939

*Intermediate :* 1st Class, 18 ; 2nd Class, 10 ; Failed, 4.

*Elementary :* Passed with credit, 22 ; Passed, 27 ; Failed, 10.

*Total number of candidates :* 91 (Pass 77, Fail 14). This shows a good increase on the 1938 total of 57.

The examiner's report on Stage I mentions confusion between *ne utili* and *malutili ;* ignorance of the use of *apenaŭ* and *ad ;* and repeated misuse of *komenci* as a transitive verb.

In Stage II there were confusions between *du katoj* and *dukatoj*, and between *malgraŭ* and *spite ;* a misuse of *intrigi* (due to a current slang misuse of *intrigue* in English) ; and a too slavish imitation of the English text to be translated. The best work was done in the original essays.

# LANGUAGE DIFFICULTIES

Here are two paragraphs that I read today, illustrating the need for a neutral international language. The first is from an article entitled *Peace Aims and Colonial Policy*, by W. Arthur Lewis in *Peace* for November. The writer advocates an international colonial service rather than an extension of the mandate system to all colonies, but adds :—

"But there remains one final difficulty which seems insuperable under either system. Huge areas have been taught to use the English language and to aspire to English culture. Unless new languages are taught, which is unthinkable, they will inevitably link up with English commerce. Similarly other huge areas are already within the French system, and will be attracted towards it even if mandated to some other power. This is almost certain to be a constant source of jealousy. The omelette cannot be unscrambled. Colonial status will cease to be a source of international strife only when it is liquidated by admitting all peoples, whatever their race, as equal partners in the international system".

The other paragraph is from J. M. Keynes' *Economic Consequences of the Peace.* He is describing the momentous consultations of "The Big Four" mainly responsible for drawing up the treaty of Versailles. This body consisted of President Wilson and Mr. Lloyd George, who understood English only ; Signor Orlando, representing Italy, who understood French but not English ; and M. Clemenceau, who had command of both languages and therefore of the conference. "He had one illusion—France ; and one disillusion—mankind, including Frenchmen, and his colleagues not least".

This is how Keynes describes the sort of thing that used to happen :—

"Not infrequently Mr. Lloyd George, after delivering a speech in English, would, during the period of its interpretation into French, cross the hearthrug to the President to reinforce his case by some *ad hominem* argument in private conversation, or to sound the ground for a compromise—and this would sometimes be the signal for a general upheaval and disorder. The President's advisers would press round him, a moment later, the British experts would dribble across to learn the result or see that all was well, and next the French would be there, a little suspicious lest the others were arranging something behind them, until all the room were on their feet and conversation was general in both languages. My last and most vivid impression was of such a scene—the President and the Prime Minister as the centre of a surging mob and a babel of sound, a welter of eager impromptu compromises and counter-compromises, all sound and fury signifying nothing, on what was an unreal question anyhow, the great issues of the morning's meeting forgotten and neglected ; and Clemenceau, silent and aloof in the outskirts—for nothing which touched the security of France was forward—throned, in his grey gloves, on the brocade chair, dry in soul and empty of hope, very old and tired, but surveying the scene with a cynical and almost impish air ; and when at last silence was restored and the company had returned to their places, it was to discover that he had disappeared".

L. R. WORTHING.

# Our "Lamentable Failure"

In a four-page article in *The Journal of Education* for September a contributor rejects Esperanto, and recommends us to work instead for Basic English.

Quoting an estimate that Esperanto "is written and spoken by more than a million people of all nationalities" (surely no small achievement?), he says that nevertheless it "has made little actual world progress", and "has failed lamentably to solve the (international language) problem". One million Esperantists in a world population of 1,850,000,000 "merely means that 500,000 people can make themselves understood to 500,000 'foreigners'" (surely it means that every Esperantist can make himself understood to 999,999 others?). In place, then, of "manufactured" Esperanto, which "appeals to only one person in every 1,850", he recommends a scheme which actually is highly artificial, and which, in spite of ten years' intensive propaganda, has not yet (as far as we know) been put to any practical test in international life. He admits that Esperanto has been used for half-a-century in international conferences. How often in such gatherings has Basic been the sole means of communication between men of different nations? True, "there are over 4000 books and about 100 magazines in Esperanto"; nevertheless, Esperanto "can never become the medium of a literature appreciated in common by the diverse races and nationalities of mankind" (who then reads these books and magazines?). Esperanto, being "without historical or sentimental ties" (!) can never be "a vehicle of literary emotion", or "anything but a code vocabulary". But where are the historical and sentimental ties of a scheme which he himself defines as "English turned into an international code language," which "cannot reproduce national poetry and the more ornate and elaborate emotive prose"? Our critic fills 2½ pages with a description of 18 dictionaries or other works in or about Basic (apparently three of these are originally written in Basic). On the same scale he would need 555 pages to describe the 4,000 volumes of Esperanto literature; and of this it can *not* truthfully be said that it lacks poetic or other literary value.

These inconsistencies serve to illustrate the strength of Esperanto and the weakness of the opposition, however well-intentioned. With Basic we are not here concerned: a leaflet on the subject can be obtained from the B.E.A. But briefly it can be said that though as one (though—as M. West points out in the following pages in the *Journal*—not necessarily the best) of various schemes of teaching English to foreigners by the approach of vocabulary limitation, it has many good points and some defects; as an international language it cannot be taken seriously. And to talk of "a vocabulary restricted to 850 words" is to ignore facts.

In this connection we may quote Dr. P. B. Ballard's valuable work *Thought and Language*, recently published by the University of London Press:

> Just as the simplicity of the Basic vocabulary is misleading, so is the simplicity of the grammatical rules. Mr. Ogden succeeds in getting his English simple at the expense of getting it wrong... He has lost his way at two points. He has tried to simplify the language instead of trying to simplify the teaching of the language; and he has represented his system as simpler than it really is.

On the idioms to be memorized by the Basic student Dr. Ballard remarks that the Oxford Dictionary cites 50 meanings of *take up* and 67 of *set up*: these are not learned by learning the three words *take*, *get*, and *up*. He continues:

> The truth of the matter is that it is more difficult to learn these patch-work verbs than it is to learn entirely new vocables: more difficult because more puzzling and more confusing. Natives, in fact, learn them as new vocables: they pick up their meanings by hearing them used as verbal wholes, not by putting together the meanings of their parts. And to ask the foreigner to put the meanings of the parts together in order to arrive at the meaning of the whole is to set him on the wrong track.

# In the School (and elsewhere)

**Nov.**
20, **West Wickham.** School at St. Mary's Church.
29, **Stepney.** Christ Church.
**Dec.**
1, **Letchworth.** Bloomsbury Girls' Technical School.
**Letchworth.** St. Christopher's School.
**Streatham.** Peace Pledge Union.
2, **Burwash Common.** Addey and Stanhope School.

At each of the Letchworth schools (obtained through Mr. Russell Scott), 80 children showed keen interest (see report on page 167). At the P.P.U. meeting 70 men gave us a good reception, and bought many books. Forty children at the Addey and Stanhope School had already become interested and bought text-books: they paid the expenses of the visit themselves.

In our last issue we again asked members in touch with schools or teachers to help in getting invitations for a demonstration lecture (using the printed matter prepared for the purpose). Only two members responded: one with success, one without. To both, equally, warm thanks. But where are the others?

---

**Step by Step in Esperanto.**—Ĵus aperis la kvina eldono de ĉi tiu populara lernolibro. Bedaŭrinde, la promilitaj cirkonstancoj malebligis presigi la reviziitan kaj tute reverkitan tekston jam prespretan (tio verŝajne vidos la lumon, kiam la nuna eldono forvendiĝos). Intertempe oni fotografe reproduktis la malnovan tekston, sed—grava diferenco—oni uzis la okazon fari en ĝi 50 korektojn de preseraroj aŭ aliaj detaletoj kritikindaj. Espereble, do, la nuna eldono montriĝos la *malofta birdo* tiel ofte sopirata—libro tute libera de eraroj ĉiuspecaj, kaj ĉiel fidinda.

Konsiderinte, ke la verkó havas 244 paĝojn, kaj estas ne nur lernolibro, sed ankaŭ ekzercaro, legolibro, kaj vortaro, oni povas nur miri, ke la prezo restas tiel surprize malalta (1/6, afranko 2p.)

Ni gratulas la Esperanto Publishing Company Ltd., kiu kuraĝe entreprenis la grandan koston de eldono; kaj ni deziras, ke ilia fido rekompenciĝu per rapida forvendo de la eldono. La verko estas egale taŭga por uzo en kursoj, aŭ por privata studo.

**Aarhus, la urbo de rideto.**—Broŝuro 16-paĝa, kun 16 bildoj kaj mapo. Teksto kvarlingva, kun Esperanta suplemento. Ĉe Aarhus Turistforening, Ryesgade 1, Aarhus, Danujo.

# KRONIKO LOKA

*Kie vi estas, kion vi faras,*
*Ho, karaj fratoj vi niaj ?*

**Bath.**—Kunvenas la ĵaŭdon antaŭ plenluno.

**Bradford.**—Kunvenas ĉiumonate. Du kursoj.

**Doncaster.**—Councillor H. F. Heaviside, J.P., has just been elected Mayor of Doncaster. Mr. Heaviside is a competent Esperantist, and has on various occasions given our movement practical and valued support. Congratulations to him—and to the town.

**Hastings.**—Grupo ne kunvenas. Bona kurso.

**Leeds.**—Kunvenas kiel kutime. Nova kurso.

**Letchworth.**—Kiam "Idiot's Delight" prezentiĝis en Letchworth, nia grupo ricevis permeson starigi budon ĉe la enirejo, kaj tie deĵorantoj dum la tuta tempo prizorgis belan ekspozicion Esperantan, vendis libretojn, kaj ricevis la adresojn de interesitoj.

Por antaŭenpuŝi tiun atakon, ni aranĝis viziton de S-ro Butler al du lokaj lernejoj, kaj anoncis vesperan prezentadon, al kiu ni invitis ĉiun interesiton. Programo : du teatraĵetoj en Esperanto, kun aktoroj el tri landoj ; vigla debato inter Germano kaj Hungaro pri temo elektita de la ĉeestantaro ; klarigoj pri la lingvo ; respondoj al demandoj. Bedaŭrinde pro pluvo kaj mallumo, la ĉeesto ne estis granda ; sed varbiĝis du novaj lernantoj.

La alia flanko de nia atako, tamen, donis multe pli grandan rikolton : precipe ĉe la knabina teknika lernejo (Londona lernejo nun en Letchworth). Post la leciono de S-ro Butler oni aĉetis ĉiujn librojn alportitajn de li ; kaj petis, ke la proksiman semajnon S-ro Baranyay, Hungara rifuĝinto en Letchworth, priskribu en Esperanto (kun traduko) la teknikajn lernejojn ĉeĥajn, en kiuj li instruis. La afero konvinkis ĉiujn pri la praktika valoro de Esperanto. Apartaj kursoj por la lernantoj en ambaŭ lernejoj komenciĝos en Januaro.

R. SCOTT

**Liverpool.**—Pro malhelpoj de milita tempo la grupo ne nun kunvenas, sed oni povas viziti la Bibliotekon ĉe S-ro Ashworth, 265 Upper Frederick Street.

**Newcastle.**—Kunvenas marde, ĉe 66 Jesmond Road. Sek., F-ino I. Rumney, 64 Ovington Grove, Newcastle 5.

**Oldham.**—Kurso, lunde, 7.30, ĉe Oldham Municipal School of Commerce, Greengate St.

**Oxford.**—Kunvenoj kiel kutime.

**Yorkshire Federation.** — Conference on 20th January, in the Church Institute, Albion Place, Leeds, 3.30. Tea 5.30. Social evening 6.30. Tickets 1/6 inclusive.

## LONDON CLASSES NOW MEETING

*(Opening dates : Jan. 8–13)*

**Balham and Tooting Commercial Institute,** Tooting Broadway, S.W.17. Thursday, 6.30–8.30. *Elem.* 2/6 to 6/–. M. C. Butler.

**Beckenham.**—S. Suburban Co-operative Society. 360 Upper Elmers Rd. Mon. 8–10. A. W. Smith. 4/–.

**Bow and Bromley Commercial Institute,** Bow Central School, Coborn St., E.3. *Elem.*, 7.30–8.30 ; *Int.*, 8.30–9.30 : both on Tuesdays and Thursdays. 6/–, with possible reductions. J. Hayden.

**City.**—John Woolman Settlement, Roscoe St., E.C.1 (By Old St. Tube Station). *Elem.*, Wed. ; *Int.*, Mon. ; 6.30–8.30, 5/–. M. C. Butler.

**Islington.**—Men's Institute, Robert Blair School, Blundell St., Holloway, N.7. Mon., 7.30–9.30. 1/3 for 13 weeks. W. Green, L.B.E.A.

**London Esperanto Club** (City Literary Institute). *Elem.*, 6.30–8.30, P. L. Wright. *Continuation*, 6.30–8.0, H. W. Holmes. Both classes held on Fridays at Fred Tallent Hall, 153 Drummond St., N.W.1. 5/–.

**Walthamstow.**—South West Technical College, Forest Rd. Mon., 7.0–9.0. *Int.* P. L. Wright.

**Walthamstow.**—Educational Settlement, Greenleaf Road. Tuesdays, 7.30–9.30. *Elem.*

# SMALL ANNOUNCEMENTS—ANONCETOJ

**12 vortoj, 1 ŝil. (5 resp. kup.) Pluaj vortoj po 1p.**
*Teksto devas atingi nian oficejon, kun antaŭpago, antaŭ la 6a de la monato por la sekvonta numero.*

**1d. per word. Minimum 1/– per issue. Prepaid.**
*Copy must be received at our offices by the 6th of the month for insertion in the next issue.*

**The Standard English-Esperanto Dictionary** for students and users of Esperanto is "Fulcher and Long". It gives Esperanto translations of thirty thousand English words, and shows the constituent parts of compound Esperanto forms. Cloth bound, 350 pp. Published by E. Marlborough & Co., Ltd. Obtainable through any bookseller, or from the Office of *The British Esperantist*, price 7/6 (by post, 8/–).

**Poŝtmarkoj-Stamps**—write for lists of British and other stamps. Prezlistoj senpage. W. M. Appleby (Del. I.E.L.), 47, Clarence Street, Cheltenham.

**Wanted.**—Second-hand sets of Home-Student Records in good condition. Write B.E.A., stating lowest price.

**Proverbs in Esperanto and English.**—550 proverbs compiled and translated by Montagu C. Butler. Delightful little book, beautifully bound in art leather. Size 3¾in. x 2½in. Price 1/–, postage 1d. B.E.A., Heronsgate, Rickmansworth, Herts.

**The London Esperanto Centre and London School of Esperanto** (transferred from Charing Cross Road owing to War conditions) **is now open at 42a Theobalds Road, W.C.1 (Telephone Holborn 7546).** Entrance through "Cafe Embassy". All Esperantists and friends are heartily invited to make use of the Centre and facilities provided without any fee or obligation whatever. **Programme** as follows :

| | | |
|---|---|---|
| **Monday** .. | 6.30 to 7.30 | Free Instructional Group. |
| | 7.30 to 9.30 | Social Evening. |
| **Tuesday** .. | 6.30 to 9.30 | Social-Recreational-Club. |
| **Wednesday** | 6.30 to 7.30 | Free Instructional Group. |
| | 7.30 to 9.30 | International (Esperanto) Peace Movement Group. |
| **Thursday** .. | 6.30 to 9.30 | Social-Recreational-Club. |
| **Friday** .. | | The Centre is available free of charge to other Groups who may wish to arrange special meetings here. Apply to the Principal. |

*Refreshments available on the premises.*

# OFFICIAL NOTICES

THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION *consists of Fellows, Members, Affiliated Groups, and Federations. The Annual Subscriptions are :— Fellows,* 21/–; *Members,* 5/–; *Junior Members (under* 18), 2/6; *Life Fellowship,* £12. 12s. 0d.; *Life Membership,* £5. *(See prospectus).*

*President :* G. D. Buchanan, F.R.A.S.
*Hon. Secretary :* Bernard Long, B.A.
*Hon. Treasurer :* Arthur C. Oliver.
*Secretary :* R. B. Wilkinson.
*Propaganda Secretary :* M. C. Butler, M.R.S.T.

## NEW LIFE MEMBERS

| | |
|---|---|
| Bremner, A. M. | *Glasgow, W.*2. |
| Buchanan, F-ino | *Neilston.* |
| Buchanan, A. D. | *Glasgow, S.*4. |
| Buchanan, K. | *Helensburgh.* |
| Buchanan, R. M. | *Neilston.* |
| Buchanan, W. J. | *Neilston.* |
| Geddes, A. McNab | *London, S.W.*19. |
| Matthews, F-ino M. | *Crewe.* |
| Robertson, J. Buchanan | *Mittyack, Australia.* |
| Russell, J. | *Glasgow, C.*3. |
| Stewart, G. | *Glasgow.* |

## NEW MEMBERS IN NOVEMBER

**Ordinary Members**—

| | |
|---|---|
| Allen, A. E. | *Weston-super-Mare.* |
| Aspin, H. | *Sheffield* 2. |
| Bialostocki, F-ino M. | *London, W.*1. |
| Ferris, F-ino G. | *Weston-super-Mare.* |
| Gould, E. V. | *Weston-super-Mare.* |
| Harry, R. L. | *Oxford.* |
| Jack, R. W. H. | *Girvan.* |
| Jensen, P. | *Port Moresby, Papua.* |
| McLennan, K. | *Edgware.* |
| Mann, S-ino M. E. B. | *Birmingham.* |
| Milne, W. B. | *Longside.* |
| Petrie, F-ino C. | *Weston-super-Mare.* |
| Thorne, H. J. | *London, S.E.*16. |
| Witchell, F-ino M. | *Weston-super-Mare.* |

**Junior Members**—

| | |
|---|---|
| Bridger, P. | *Weston-super-Mare.* |
| Hill, T. | *Bakewell.* |

## "B.E.A. CARRIES ON"

| | £ | s. | d. |
|---|---|---|---|
| Previously acknowledged | 82 | 15 | 8 |
| Taylor, F. | | 5 | 0 |
| Duckworth, J. W. | | 5 | 0 |
| Blair, J. W. | | 10 | 0 |
| Driver, E. G. | | 9 | 0 |
| Gossling, F-ino L. | | 1 | 0 |
| Cameron, P. J. | | 2 | 0 |
| Harrod, J. T. | | 3 | 0 |
| Samuel, W. T. | | 10 | 0 |
| J. M. B. | 5 | 0 | 0 |
| Salter, J. R. | 5 | 0 | 0 |
| Malriĉulo | | 10 | 0 |
| Stephens, R. F. | 1 | 2 | 0 |
| Birmingham Esperanto Club | | 10 | 0 |
| Fairman, C. A. | | 8 | 6 |
| Wickelgren, D-rino F. L. | 1 | 0 | 0 |
| Macquarie, A. M. | 1 | 3 | 3 |
| Allsop, F. H. | | 5 | 0 |
| | £99 | 19 | 5 |

## DONATIONS TO B.E.A. DURING NOV., 1939

*Motor Car and Propaganda Fund.*—Sheffield Central Esperanto Club, 7/6; C. Barnes, 3/2.

These donations are acknowledged with grateful thanks.

## NOMINATION OF OFFICERS, 1940-41

Members are reminded that they have the right to nominate candidates for election as Officers and Councillors for the ensuing year. Forms of nomination may be obtained from the Secretary. Nominations should be sent in by January 31st, 1940.

R. B. WILKINSON,
*Secretary.*

## B.E.A. LIBRARY

The following donations have been received :— T. J. Gueritte, £5; Mrs. Gillett, £1; Miss Hylda Mayne, 5/-; Miss F. Weidinger, 4/-; G. Mathews, 2/6.

The kindness of these friends has enabled the books mentioned on page 157 to be put in the hands of the binder. This practical help is warmly appreciated, and puts not only the Librarian, but also future generations of Esperantists, in the debt of the generous donors.

## NASKIĜO

**Durrant.**—Al Claudine B. kaj E. Donald Durrant, 18 Romeyn Rd., S.W.16, je 17 Nov., en Tunbridge Wells, filino: Odette Gabrielle.

## EDZIĜO

**Hurrel—Lemon.**—Je 2 Dec., 1939, S-ro Thomas W. Hurrell kaj F-ino Norah G. Lemon, respektive sekretario kaj helpsekretario de la Esperanta Grupo en Portsmouth. Ambaŭ estas entuziasmaj samideanoj, kaj intencas ankoraŭ pli fervore daŭrigi sian laboron por nia lingvo.

**Koran gratulon** al S-ro C. C. Goldsmith, kiu atingis sian 50an jaron je 16 Novembro. Longe li vivu kaj laboru inter ni.


# THE BRITISH ESPERANTIST

**Publishers (Eldonistoj) :**
THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION, INC.
HERONSGATE, RICKMANSWORTH, HERTS. *Tel. : Chorley Wood* 138

**Editor (Redaktisto) :** MONTAGU C. BUTLER, M.R.S.T.,
36 PENRHYN ROAD, KINGSTON-ON-THAMES, SURREY.
*Telephone : Kingston* 1484

RATES OF SUBSCRIPTION *(including postage to any part of the world)— Twelve months,* 2/6. *Single copies, Three Penny Stamps. (Free to B.E.A. members).*

ADVERTISEMENT RATES *will be quoted on application to the Secretary of the B.E.A.*

MANUSCRIPTS *should be typewritten, and addressed to* THE EDITOR. *The Editor does not hold himself responsible for loss or damage, nor does he undertake to return manuscripts unaccompanied by a stamped addressed envelope. He is not necessarily in agreement with views expressed in signed articles, but accepts responsibility for those unsigned. He reserves the right to make corrections. Matter should be received by the 8th of the month.*

JARABONO : 3 svisaj frankoj. Unuopaj ekzempleroj : po 30 centimoj (aŭ unu respondkupono).